Jaro VI * N.° 66ª Junio * 1909


# LA SUNO HISPANA

Direktoro-Administranto ★ Director-Administrador

Augusto Jimenez Loira

PINTOR LÓPEZ, 3 = VALENCIA

La Redakcio korektos la manuskriptojn laŭbezone, kaj la nepresitajn ĝi ne resendos




## NIA BONVENO

Estas al ni agrablege saluti sinjorojn Bourlet kaj Baronon de Menil, okaze ilia ĉeesto en nia kara patrujo kaj sciigi niajn gelegantojn pri la jena letero, kiun ili adresis al nia kara samideano sinjoro Huecas fervora propagandisto de nia senmorta lingvo.

Barcelono, Dimanĉon, 9ªⁿ de Majo 1909.

Al estimata S.ʳᵒ Komandanto Cesareo Huecas, kaj al liaj afablaj Gesamideanoj en Gerona.

Tre karaj Geamikoj: Neeble priskribi al Vi, per taŭgaj vortoj, la profundan kortuŝecon, kiun kaŭzis al ni via entuziasma, varma, frata salutado en la Gerona stacio.

Dank' al Vi, dank' al viaj zorgoj, ni havis la grandan plezuron jam ricevi vortojn en Esperanto, en Port-Bou, tuj kiam ni eniris Katalunujon, kaj tiel ni komprenis ke ni eniras novan hejmon, hejmon al ni preparitan de fratoj-Esperantistoj.

La belega manifestacio de Vi aranĝita, la ĉarmeco de la graciaj katalanaj fraŭlinoj kaj sinjorinoj, la garboj da floroj prezentitaj de niaj allogantaj samideaninetoj, Karmeno kaj Mario Huecas, la tuta vibreco, amindeco, entuziasmeco de tiu neforgesebla akcepto, nin emociis ĝis larmoj, kaj, kiam, akompanataj de la ĥoro, kiu kantis nian himnon, al ni duoble karan, nia vagonaro forkuris al la urbego, kie novaj ovacioj nin atendis, ni preskaŭ nin demandis ĉu ni ne trapasis sonĝon; kaj ni devis palpi la florojn kaj rigardadi nian amikon Sabadell, por esti certaj, ke vere en realo, ĉio okazis.

Al Vi fervoraj kunbatalantoj, al Vi karaj samcelanoj al la sama frata homama celo, al Vi entuziasmaj gefratoj, ni ambaŭ en la nomo de l' Parizaj kaj francaj Esperantistoj esprimas plej koregan dankon kaj sendas plej varman salutadon.

Jes, jes, vivu, vivu Esperanto kaj ĝia genia, modesta, sincera elpensinto!

B.ⁿ F. DE MÉNIL. C. BOURLET.

# Grava

Barcelona'a esperantista amiko informas nin, pri tio, ke tiea ĵurnalo enpresis, ke «Valencia'aj esperantistoj petis, ke la kvina Kongreso okazu tie ĉi».

Nek niaj kunredaktoroj, nek la anoj de la Valencia'a grupo, kiuj bedaŭras la okazintaĵon nek aliaj demanditaj personoj povas sciigi nin pri kiu estis la raportinto de tia malvera seusencaĵo.

## V^a Kongreso

Jen la provizora programo, kiu sendube ŝanĝiĝos, sed tamen ĝi donas ĝeneralan ideon pri la Kongreso.

*La 5^an Septembro. Dimanĉo.*—Matene: Alveno de la kongresanoj.—Akcepto de D.ro Zamenhof.—Diservoj.—Postagmeze: Kunveno de nacioj por nomi delegitojn.—Preparaj kunvenoj.—Aranĝotaj kunvenoj.—Kunvenoj fakaj.

*La 6^an Lundo.*—Matene kaj posttagmeze: Malferma kunsido. — Aranĝotaj kunvenoj por la vespero.—Kunvenoj fakaj.

*La 7^an Mardo.*—Posttagmeze: Kunveno de la U. E. A.—Nokte: Granda Koncerto.—Kunvenoj fakaj.

*La 8^an Merkredo.*—(Naskiĝo de la Virgulino). Matene (eble): Kampara Meso por katolikoj, kun helpo de la Armeo (aranĝota).—Eksperimentoj de la Ruĝa Kruco.—Posttagmeze: Floraj ludoj. Elekto de la Reĝino de la Festo, k. t. p.—Kunvenoj fakaj.

*La 9^an Ĵaŭdo.*—Posttagmeze: Ekskurso al Monto Tibidabo.—Lunĉo ĉe la Monto.—Nokte: Teatra prezentado de la dramo en tri aktoj «Mistero de Doloroj».—Kunvenoj fakaj.

*La 10^an Vendredo.*—Nokte: Balo (Eulandaj Societoj *folk-loraj*, dancos popolajn dancojn kaj la dancon *La Rondo* elpensitan por la Kongreso).—Kunvenoj fakaj.

*La 11^an Sabato.*—Matene: Ferma kunsido.—Kunvenoj fakaj.—Je la 5^a horo:

## V Congreso

He ahí el programa provisional, que indudablemente cambiará, pero que sin embargo da idea del Congreso.

*5 de Septiembre. Domingo.*—Llegada de los congresistas.—Recibimiento del Dr. Zamenhof.—Oficios Divinos.—Por la tarde: Reunión de naciones para nombrar delegados.—Reuniones preparatorias.—Organización de reuniones.—Reuniones de secciones.

*6 Lunes.*—Por la mañana y tarde: Apertura de la Sesión.—Organización de reuniones para la noche.—Reunión de secciones.

*7 Martes.*—Por la tarde: Reunión de la Asociación Universal Esperantista.—Por la noche: Gran Concierto.—Reunión de secciones.

*8 Miércoles.*- (Natividad de la Virgen). Por la mañana (quizás): Misa de Campaña para católicos, con ayuda del Ejército (á preparar).—Ejercicios de la Cruz Roja.—Por la tarde: Juegos Florales. Elección de la Reina de la Fiesta, etcétera.—Reuniones de secciones.

*9 Jueves.*—Por la tarde: Excursión al Monte Tibidabo.—Lunch en el Monte.—Por la noche: Representación teatral de el drama en tres actos «Misterio de Dolores».—Reuniones de secciones.

*10 Viernes.*—Por la noche: Baile. (Las sociedades del país *folk-loraj* bailarán bailes populares y el baile *La Rondo*, inventada para el Congreso.—Reuniones de secciones.

*11 Sábado.*—Por la mañana: Sesión de clausura.—Reuniones de secciones.—

Foriro de la ekskursanoj al Monto Monserrat'o.—Ekskursoj al Valencia'o, al Balearaj Insuloj, tra Hispanujo, k. c., al Monto Monserrat'o (Ekskurso postkongresa). —Halto en urbo Sabadell.—Festoj publikaj, rondodancoj, teatra prezentado, aŭtoritata akceptado.

*La 12an Dimanĉo.*—Foriro de Sabadell'o al Monserrat'o, je la 9a matene.—Alveno Monserrat'on je la 11a matene

Restado *senpaga* en la Monaĥejo, kiu povas enhavi, kelkajn centojn da kongresanoj. -Ekskursaj tra la montoj.—Oni povas resti en ĝi tri tagojn, kaj oni devas resti almenaŭ du, por vidi la plej gravajn vidindaĵojn, profundegajn grotojn, altegajn pintojn de kie oni vidas la tutan Katalunujon, k. t. p.

La organiza Komitato eldonos tre luksan kaj tre zorge eldonitan Kongresan libron, kiun ĝi donacos al personoj, kiuj pagos la Kongreskarton antaŭ la 1a de Aŭgusto.

La klariga libreto de la balo *La Rondo*, dancota en la Kongreso, verkita de S.ro Tudó kaj arte ilustrita de deseguisto S.ro Smith, oni vendas ĉe la Organiza Komitato de la Va Kongreso, kiu ĝin eldonis.

Esperantaj flagoj, ankaŭ estas fabrikotaj tre malkare.

A las 5: Expedición de los excursionistas á la Montaña de Montserrat.—Excursiones á Valencia, á las Islas Baleares, por España, etc., á la Montaña de Montserrat: (Excursión para después del Congreso). —Detención en la ciudad de Sabadell.—Fiestas públicas, sardanas, representación en el teatro, recepción de las autoridades.

*12 Domingo.*—Expedición de Sabadell á Montserrat, á las 9 de la mañana. —Llegada á Montserrat, á las 11 de la mañana.—Permanencia gratis en el Monasterio, que puede contener algunos cientos de congresistas.—Excursiones por los montes.—Se puede estar en él tres días, y se debe estar lo menos dos, para ver las más importantes vistas, grutas profundas, elevadas crestas desde donde se ve toda Cataluña, etc.

El Comité Ejecutivo editará un libro del Congreso muy lujoso y esmeradamente editado, el cual regalará á las personas que paguen la tarjeta de congresista antes de 1.º de Agosto.

El libreto del baile *La Rondo* que se ha de bailar en el Congreso, compuesto por el Sr. Tudó y artísticamente ilustrado por el dibujante Sr. Smith, se vende en el Comité de organización del 5.º Congreso, que lo editó.

También se fabricarán banderas esperantistas muy baratas.

# Kroniko

La unua pastro, kiu predikis esperante, la simpatia fondinto de «Espero Katolika», nia kara, senlaca kunbatalanto Emiljo Peltier, jam forlasis nin.

Ankaŭ mortis la aŭstra generalo S-ro Gutherz de Bruckschütz plenuminte lian diron en letero al «Sturia Esperantista Societo»—mi restas ano kaj apostolo de esperanto ĝis la lasta spiro.

# Crónica

El primer sacerdote que ha predicado en Esperanto, el simpático fundador de «Espero Katolika», nuestro querido, incansable compañero de luchas Emilio Peltier, nos ha abandonado ya.

También ha fallecido el general austriaco Sr. Gutherz de Bruckschutz cumpliendo lo que en una carta dijo á la «Sociedad Esperantista de Sturia»—quedo socio y apóstol del Esperanto, hasta el último suspiro.

Foriris ankaŭ el ĉi tin globuso S-ro Eugenjo Montrosier, administranto de «Tra la Mondo» kaj patro de ĝia ĉefredaktoro; S-ro Ernesto Pointier, sekretario de la Belforda grupo, kaj S-ro John Brooks prezidanto de tiu de Northingham'o.

Kun iliaj familioj ni bedaŭregas tiel grandajn perdojn.

---

**Angla Oceanio.**—En Fidji'aj Insuloj, ĉe la Reĝa Lernejo de Levonka'o tridek indigenoj lernas esperanton.

**Anglujo.**—Estas nova grupo en Truro kaj daŭrigas la propagandan laboron la esperantistoj, especiale eĉ Birmingham'o, Ekseter'o, Plimouth'o, Pontefract'o, St-Helens'o, Southport'o, Edinburgo, Glasgow'o, Montrose'o kaj Dublin'o.

La Julia numero de la «Londona Gazeto» estos especiala propaganda numero por Esperanto, kaj prezentos klare kaj koncize redaktitan materialon por ĝi, en diversaj sciigoj pri esperanto kaj ĝia ĝistiama progreso. La numero estos bonega propagandilo, aĉetebla ĉe «British Esperanta Asociation».

La administranto de la Imperia kaj Internacia Ekzpozicio en Londono, decidis apartigi sabaton la 17an de Julio, kiel *Esperanto-Tagon.*

Tia invito havas grandan signifon, kaj montras, ke respektindaj personoj ŝatas nian aferon.

Irlandano S-ro Patrick Parker, publikigis en «Belga Esperantisto» artikolon proponanta, ke en la Barcelona'a Kongreso oni starigu tutmondan ligon por la defendo kaj konservado de la patrinaj lingvoj, de la malgrandaj nacioj minacataj esti austataŭitaj de tiuj de la grandaj.

S-ro Mudie sciigas, ke la Peninsulara kaj Orienta K.io, eble metos al lia dispono la famkonatan ŝipon *Vectis*, kiu estas lukse komforta. Tiu ŝipo traveturus Londonon, Cherburgon, Lisabonon, Gibraltaron, Tangeron kaj Alĝerion, kaj alvenus en Barcelona'on kun kongresanoj la 5an de Septembro.

También se han ido de este mundo el Sr. Eugenio Montrosier, administrador de «Tra la Mondo» y padre de su redactor jefe; el Sr. Ernesto Pointier, secretario del grupo de Belford y el Sr. John Brooks, presidente del de Northingham.

Con sus familias sentimos inmensamente tan grandes pérdidas.

---

**Oceanía Inglesa.**—En la «Escuela Real de Levonka» de las Islas Fidji, treinta indígenas aprenden esperanto.

**Inglaterra.**—Hay un nuevo grupo en Truro y continúan el trabajo de propaganda los esperantistas, especialmente en Birmingham, Ekseter, Plimouth, Pontefract, St Helens, Southport, Edinburgo, Glasgow, Montrose y Dublin.

El número de Julio del «Diario de Londres» será un número especial de propaganda para el esperanto, y presentará clara y concisamente, material redactado para él en diversas noticias respecto al esperanto y su progreso hasta entonces. El número será un magnífico instrumento de propaganda que se puede comprar en «British Esperanta Asociatión».

El administrador de la Exposición Imperial é Internacional en Londres, decidió señalar el 17 de Julio, como *Día-Esperanto.*

Tal invitación tiene gran significación y demuestra, que personas respetables tienen afición á nuestro asunto.

El irlandés Sr. Patrik Parker, publicó en «Belga Esperantisto» un artículo proponiendo que, en el Congreso de Barcelona, se establezca una liga mundial para la defensa y conservación de las lenguas maternales, de las pequeñas naciones, amenazadas de ser sustituídas por las de las grandes.

El Sr. Mudie hace saber, que la compañía Peninsular y Oriental, es posible que ponga á su disposición el famoso buque *Vectis*, de lujoso confort. Este buque viajaría Londres, Cherburgo, Lisboa, Gibraltar, Tánger y Argelia, y llegaría á Barcelona con congresistas el 5 de Septiembre.

Venu al ni, karegaj!

**Argentena.**—Grupo fondiĝis en Buenos Aires.

**Aŭstralinjo.**—«Sidney'a Teozofia Societo», fondis esperantan fakon.

Kun bedaŭro ni sciigas, ke de nun, ne daŭrigos la publikigadon de nia kara kolego «The Australian Esperantist».

En Adelaida'o kaj Melbourne'o esperanto progresas, kaj en Horusby fondiĝis dua grupo.

**Azia Turkujo.**—Lia Princa Moŝto Andreo Kopasis, Insulestro de Samos'o, ĉeestis en vesperkoncerto farita de «Samosa Esperantista Societo» kaj honoris nin metante sur butontruon de lia redingoto la verdan stelon.

La direktoro de la Komerca Lernejo de Patras'o interesiĝas pri Esperanto.

En la tuta lando ĝi progresas malgraŭ opozicio de kelkaj fanatikuloj, kiuj vidas en ĝi minacon al ilia religio kaj patrujo.

Formiĝis grupo en Jerusalem'o.

**Belgujo.**—«Esperanta Instruista Flandra Societo» estas starigita de niaj agemaj flandraj samideanoj.

La Internacia Kongreso de dentistoj okazinta en Bruselo, akceptis esperanton, kiel internacian lingvon por venontaj kongresoj.

En ekspozicio, kiu tie fariĝos dum 1910ª jaro, loko por esperautistaj vizitontoj estos preta.

«Belga Ligo» decidis sendi raporton al la Ministro de Sciencoj kaj Artoj, pri la nuna stato de esperanta movado, kaŭze la starigo de esperanta lernado ĉe Publika Instruado.

**Bohemujo.**—Tre rapide disvastiĝas nia afero en tiu lando. Estas jam pli multe ol mil esperantistoj grupiĝintaj en pli malpli tri-dek grupoj.

De la 26ª ĝis la 28ª de Septembro okazos la unua Kongreso de bohemaj esperantistaj en Praha'o. Estas en programo ekspozicio de dokumentoj, ezperantaj teatraĵoj, ekskursojn, k. t. p. Organiza

¡Venid á nosotros, queridísimos!

**Argentina.**—Se ha fundado un grupo en Buenos Aires.

**Australia.**—La «Sociedad filosófica de Sidney» ha fundado una sección de esperanto.

Con sentimiento damos la noticia de que, desde ahora, no continuará la publicación de nuestro querido colega «The Australian Esperantist».

En Adelaida y Melbourne, el esperanto progresa, y en Korusby, se ha fundado un segundo grupo.

**Turquía Asiática.**—Su Alteza el Príncipe Andrés Kopasis, Jefe de la isla de Samos, asistió á una velada que dió la «Sociedad Esperantista de Samos» y nos honró colocando la estrella verde en un hojal de su levita.

El director de la Escuela de Comercio de Patras, se interesa por el esperanto.

En todo el país progresa, á pesar de la oposición de algunos fanáticos que ven en él una amenaza á su religión y patria.

Se ha formado un grupo en Jerusalén.

**Bélgica.**—Nuestros activos colegas de Flandes han establecido la «Sociedad Instructora de Esperanto de Flandes».

El Congreso Internacional de Dentistas, que tuvo lugar en Bruselas, ha aceptado el esperanto como lengua internacional en futuros Congresos.

En una exposición que se hará allí durante el año 1910, habrá un local dispuesto para los esperantistas que la visiten.

La «Liga Belga» ha decidido enviar un informe al Ministro de Ciencias y Artes, referente al actual estado del movimiento del esperanto, con motivo del establecimiento del estudio del esperanto en la Instrucción Pública.

**Bohemia.**—Con mucha rapidez cunde nuestro asunto en aquel país. Hay ya más de mil esperantistas agrupados en treinta grupos, poco más ó menos.

Desde el 26 al 28 de Septiembre tendrá lugar el primer Congreso de bohemios esperantistas en Praha. Constan en el programa exposición de documentos, representaciones teatrales en esperanto,

komitato invitas ĉiujn partoprenantojn en la «Kvina Universala Kongreso», kiuj povas reveni hejmen tra Praha'o, ke ili tien iru de Barcelona'o.

«Bohemia Unio Esperantista» eldonis nacian jarlibron.

**Brazil'o.**—Nova grupo estas en Uberaba'o kaj komercaj oficistoj de Kampinas'o faras esperantan kurson.

**Ĉilujo.**—La unua «Tutamerika Scienca Kongreso», okazinta en Santiago de la 25ª Decembro ĝis la 5ª de Januaro lastaj, decidis rekomendi esperanton, kiel internacian neŭtralan lingvon.

Nia kara S-ro Petro Nagel, administranto de nia tiea kunbatalanto «La du Steloj», havas trijaran infanon, kiu bonege parolas esperanton.

La Scienca Kongreso Pan-Amerikano kunvenita en Santiago sub la protekto de ĉiuj la registaroj de la du Amerikoj, decidis rekomendi la alprenon de Esperanto, kiel neŭtrala lingvo kaj peti al Usona'o, ke ili kunvenu Internacian Kongreson por alpreno de neŭtrala lingvo.

**Francujo.**—Daŭrigas la propagandon. Novaj grupoj ni havas en Ivry, Corbeil kaj Villemomble.

«La esperantista laboristaro» per tiu ĉi nomo fondis grupon en Parizo por propagandi la lingvon inter la ĉiunaciaj laboristaro.

Tolosa'a urbestraro donacis al tiea grupo tri-cent frankojn.

«Bulletin du Groupe du Creusot» enhavas fotografaĵon de medalo surhavanta reliefan portreton de D-ro Zamenhoj donacita de tiea grupo al sia sekretario S-ro Bayon kaj al esperanta profesoro S-ro Morani, la 18an de la pasinta Junia monato.

S-ro Georgo Mallet, soldato en la 22ª Kolonia Regimento, 9ª roto, en Hieres (Var) faras esperantan kurson al dudekkvin el siaj kamaradoj kaj li petas de ĉiuj malŝparaj samideanoj, la alsendon de

excursiones, etc. El Comité organizador invita á todos los que tomen parte en el «Quinto Congreso Universal», que puedan regresar á sus casas por Praha, á que vayan allí desde Barcelona.

La «Unión Esperantista Bohemia» editará un anuario nacional.

**Brasil.**—Hay un nuevo grupo en Uberaba y los dependientes de Comercio de Kampinas hacen un curso de esperanto.

**Chile.**—El primer Congreso científico de toda América, que tuvo lugar en Santiago del 25 de Diciembre al 5 de Enero último, decidió recomendar el esperanto como lengua neutral internacional.

Nuestro querido Sr. Pedro Nagel, administrador de nuestro colega de batalla «La du Steloj», tiene un niño de tres años que habla perfectamente el esperanto.

El Congreso Científico Pan-Americano, reunido en Santiago bajo la protección de todos los Gobiernos de las dos Américas, ha decidido recomendar la adopción del esperanto como lengua neutral y pedir á Usona, que reunan un Congreso Internacional para la adopción de una lengua neutral.

**Francia.**—Continúa la propaganda. Nuevos grupos tenemos en Ivry, Corbeil y Villemomble.

«La agrupación esperantista de trabajadores», con este nombre ha fundado un grupo en París para propagar la lengua entre los trabajadores de todas las naciones.

Al grupo de Tolosa le ha dado el Ayuntamiento trescientos francos.

El «Boletín del grupo del Creusot», contiene un fotograbado de una medalla con el retrato en relieve del Dr. Zamenhof, regalado por aquel grupo á su secretario Sr. Bayon y al profesor de esperanto Sr. Morani, el 18 del pasado mes de Junio.

El Sr. Jorge Mallet, soldado del Regimiento Colonial núm. 22, 9.ª compañía, en Hieres (Var) da un curso de esperanto á veinte y cinco de sus camaradas y pide á todos los *samideanos* generosos, el en-

jam legitaj esperantaj gazetoj, por ke la militistaj lernantoj malriĉaj, povu perfektigi sian lernadon.

Urbaj konsilantaroj de Limoges'a kaj Le Puy en Velay, denove subvenciis la tiean grupojn po cent frankoj.

Tiuj ĉi lastaj tagoj montris sian vivon, per diversaj faroj, la grupaj el Beauvais'o Laval'o, Lyon'o, Hieres'o, Iory'o, Rueil'o, Amiens'o, Arles'o, Avinjon', Bordeaux'o, Calons'o, ĉe Saone'o, Konde'o, La Rochelle'o, Le Puy'o en Velay'o, Laval'o, Mantes'o sur Genie'o, Ledan'o, Troye'o kaj Valenciennes'o.

En florbatalado okazinta en Niza'o la 18an de Februaro, prezentiĝis esperantista veturilo ornamita per verdaj steloj sur blankaj fundoj, kaj same la gesinporoj kiuj en ĝi veturis, kiel la servantaro, estis esperantiste vestitaj. La publiko aplaŭdis kaj oni donis al niaj samideanoj, unu el la precipaj premioj.

«Regiona Kongreso de la Norda Federacio» okazos la 25an Julio kaj de la 6a ĝis la 11a de Aŭgusto, tiu de Stenografi'a kun aplikaĵoj al esperanto.

«Tra la Filatelio» oficiala organo de la «Universala Asocio Filatelista», tre bone plenumas sian devon. Tiu asocio estas perilo por poŝtmarkaj interŝanĝoj kaj dank'al ĝia nova regularo, la asocianoj sin reciproke asekuras. Sciigojn pri tio oni povas peti de F-ino Flourens, 2, rue Abelard, Beziers.

**Germanujo.**—La 9a kajero de «La Bela Mondo» bonega multilustrita gazeto kiu oni eldonas en Dresden publikigas artikolon titolitan «La Kongresurbo Barcelona» entenante belajn gravuraĵojn el tieaj haveno, mara stacidomo, monumento de Kolumbo, Universitato, Katedralo, kaj monto Tibidabo. Ankaŭ artikolon pri esperantistaj policanoj, kun portreto de hispana policano.

Sama gazeto enhavas la plejbonan portreton, kiun ni vidis de D-ro Zamenhof kaj en artikolo kun superskribo «Germana Florludo», fotografaĵon de «Las-

vío de los periódicos esperantistas, ya leídos, para que los estudiantes militares pobres puedan perfeccionar su aprendizaje.

Los ayuntamientos de Limoges y de Le Puy en Velay, nuevamente han subvencionado á los grupos de allí con cien francos.

Estos últimos días han mostrado que viven, por diversos hechos, los grupos de Beauvais, Laval, Lyon, Hieres, Iory, Rueil, Amiens, Arles, Avinjon, Bordeaux, Chalons en Saone, Condé, La Rochelle, Le Puy en Velay, Laval, Mantes sur Genie, Sedan, Troyes y Valenciennes.

En la batalla de flores que tuvo lugar en Niza el 18 de Febrero, se presentó un carruaje esperantista adornado con estrellas verdes en fondos blancos, y lo mismo las señoras y señores que en él iban como la servidumbre, estaban vestidos de modo esperantista El público aplaudió y fué dado á nuestros *samideanos* uno de los principales premios.

El «Congreso Regional de la Federación del Norte» tendrá lugar el 25 de Julio y del 6 al 11 de Agosto el de estenografía aplicada al esperanto.

«Tra la Filatelio», órgano de la Asociación Universal Filatelista, cumple muy bien su cometido. Esa asociación es mediadora para cambios de sellos, y gracias á su nuevo reglamento, los asociados se aseguran recíprocamente. Las noticias respecto á esto pueden pedirse á la señorita Flourens, calle de Abelard, núm. 2, París.

**Alemania.**—El cuaderno 9.° de «La Bela Mondo», revista ilustrada con profusión, que se edita en Dresde, publica un artículo titulado «La Kongresurbo Barcelona», conteniendo bellos grabados del puerto, estación marítima, monumento de Colón, Universidad, Catedral y monte Tibidabo. También publica un artículo referente á policías esperantistas con un retrato de un policía español.

La misma revista contiene el mejor retrato que hemos visto del Doctor Zamenhof y en un artículo con encabezamiento «Juegos florales Alemanes» un

ta sceno de la Germana Florludo», en kiu oni vidas dektrion de virinoj el kiuj neniu malsufiĉas.

La 17ª Kongreso Internacia de «Kristanaj Unuiĝoj de Junaj viroj» okazos en Bremen de la 28ª de Julio ĝis la unua de Aŭgusto kaj «Esperantista Informejo» Lichtenplatzertrasse, 8, proponas siajn servojn al la tie ĉeestontaj esperantistoj.

Novaj grupoj formiĝis en Gablonz'o Grandenz'o, Mugeln'o, Nuremberg'o, Niestrom'o, Taŭĉa'o kaj Paderboru'o, kaj la antaŭe naskitaj grupoj ne ĉesas labori.

«Tutmonda Esperanta Kuracisto» eldonis sian jarlibron por 1909ª pri kiu oni diras estas kurioza.

**Holandujo.** — Grupo fondiĝis en Broek'o, op. Langendijk kaj sin okupas laŭde pri esperanto gravaj gazetoj de tiu lando.

**Hungarujo** —La «Hungara esperanta Asocio» elektis kiel Prezidanton sinjoron Szentmariay, juĝisto de la Supera Tribunalo. Tiu sinjoro pro lia klereco, kaj lia altrango estos tre utila al nia afero tie kaj ĉie.

Nova gazeto, «Hungara esperantisto» aperis. Ni sendas al ĝi nian plej koran bonvenon.

En Budapest'o okazos Internacia Medicina Kongreso de la 29ª Aŭgusto al la 4ª Septembro proksimaj.

La esperantistoj de Vaez'o, Temesvar'o, Debreczen'o, Frencsen'o, Fenivesvolgy'o, Abaŭjszanto, Zagreb'o, Selmeczbanya'o, Nyitra'o, Pozsony'o, Dyor'o kaj Tholdy'o multe laboras por disvastigi esperanton kaj novaj grupoj fondiĝis en Des'o, Szekelyudvarhely'o, Kolozsvar'o kaj Szegedo.

**Ĥinujo.**—Estas favora movado por la alpreno de esperanto por la komercaj interrilatoj.

Multaj misiistoj estas emaj al nia afero, especiale la respektinda pastro G. H. Hubbard de Shangai'o, kie baldaŭ oni starigos «Ĥinan Esperantistan Asocion», por kies celo malfermis kurson sinjoro Lu-Ŝi Ĉin.

fotograbado de «La última escena de los Juegos florales Alemanes» en la que se ve una trecena de mujeres de las cuales ninguna sobra.

El Congreso internacional 17 de Uniones Cristianas de los hombres jóvenes, se verificará en Bremen, del 28 de Julio al primero de Agosto y «El local de información esperantista», Lichtenplatzertrasse, 8, se ofrece á los esperantistas que hayan de permanecer allí.

Se han formado nuevos grupos en Gablonz, Grandenz, Mugeln, Nuremberg, Niestrom, Tauĉa y Paderboru, y los grupos nacidos anteriormente, no cesan de trabajar.

«Tutmonda Esperanta Kuracisto» ha editado su anuario para 1909, del cual se dice que es curioso.

**Holanda.**—Se ha fundado un grupo en Broek, op. Langendijk, é importantes periódicos de aquel país, se ocupan loablemente del esperanto.

**Hungría.**—La «Asociación Húngara de Esperanto» eligió su Presidente al Sr. Szentmariay, Juez del Tribunal Supremo. Ese señor por su saber y su elevada posición social, será muy útil á nuestra causa aquí y en todas partes.

Una nueva revista «Esperantista Húngaro» ha aparecido. Le enviamos nuestra más cariñosa bienvenida.

En Budapest tendrá lugar un Congreso Internacional de Medicina, del 29 de Agosto al 4 de Septiembre próximos.

Los esperantistas de Vaez, Temesvar, Debreczen, Frencsen, Fenivesvolgy, Abaujszanto, Zagreb, Selmeczbanga, Nyitra, Pozsony, Dyor y Tholdy, trabajan mucho para difundir el esperanto y se han fundado nuevos grupos en Des, Szekelyudvarhely, Kolozsvar y Szegedo.

**China.**—Hay un movimiento favorable á la adopción del esperanto para las relaciones comerciales.

Muchos misioneros son afectos á nuestra causa, especialmente el respetable padre G. H. Hubbard de Shangai, donde se establecerá pronto «La Sociedad China Esperantista», á cuyo fin ha empezado á dar un curso el Sr. Lu-Ŝi-Chin.

JOZ. Ŝi ĉiam havis ĝin!... Escepte hodiaŭ, kiam vi ĉiuj estas tre malpaciencaj...

EMAN. (*Perdante la paciencon*). Nu, Mario... vestu vin!

JOZ. Jes; vestu vin... Ne igu min aperi, kiel ridinda edzo!... Vi iru, mi rediras! Mi restas. (*Mario eliras*).

## SCENO X

EMILIINO, JOZEF-LUDOVIKO *kaj* EMANUELO

EMIL. (*Flanken al Emanuelo*). Diru, diru. Cu ĉi tio okazas al li tre ofte?

EMAN. (*Flanken*). Nun, la komentarioj de la amikineto kun plej bona intenco!... Kiel trafe Jozef-Ludoviko altiras sur nin embarasiĝon.

EMIL. (*Al Jozef-Ludoviko*). Mia amiko... vi ne sekvas bonan sistemon.

JOZ. (*Flanken*) Tiu ĉi virino finos min incitegi.

EMIL. Mario iras malvolonte sen vi... Kiaj edzoj! Jen estas du virinoj, ĉiu kun sia edzo, kaj la vesperon, kiam okaze ili deziras iri al la teatro, ili devas serĉi iun por esti akompanitaj. (*Al Emanuelo*). Dank' al tio, ke vi estas fraŭlo...

EMAN. Sinjorino...

EMIL. Se vi estus nefraŭlo, oni ne povus kalkuli je vi; vi estus malĝentila kaj malafabla kiel ĉiuj. Sed, je Dio! En kio ĝi konsistas? Unu tagon antaŭ la edziĝo oni ilin kondukas al la modistino, al la vendejoj, al la teatro, kien ajn oni volas, kiel ŝafetojn... kaj post edziĝo... neniu ja povas iriĝi ilin ien. Ne edziĝu.

EMAN. Vi ja donas tian ekzemplon!...

EMIL. Kaj vi ne bezonas edziĝi. Se vi estus sola!... Sed vi trovis ĉi tie vian anguleton. Se mi estus, kiel vi! Kun ĉiuj profitoj kaj neniu kontraŭaĵo de la edzeco... La ordo, la familio... Mi ja scias, ke vi faras tre ordaranĝitan vivon, ke vi ne eliras nokte...

EMAN. En tiuj ĉi tagoj, kiam Jozef-Ludoviko forestis, por ne lasi Marion sola... ni tie ĉi pasigis la postnoktomanĝon. Mi rakontis miajn vojaĝojn, aŭ ni ludis je bezigo, aŭ ni legis, unu kontraŭ la alia, romanojn de Loti. Mario ne konis ilin, mi donis ilin al ŝi, kaj ŝi raviĝis...

EMIL. (*Al Jozef-Ludoviko*). Ĉu vi ĝin vidas? Mi vetas, ke al nenia edzo venas la penso aĉeti al sia edzino romanojn de Loti! Nek de ia ajn aŭtoro!

JOZ. (*Flanken*). Tiu ĉi virino malesperigas min... Ĉu ŝi intence parolas... aŭ ŝi parolas sencele, ne sciante kion ŝi diras, kaj nur mi estas kiu kredas intencaj ĉiujn ŝiajn vortojn?...

EMIL. Ĉu vi estis hieraŭ posttagmeze kun Mario en la promenejo de veturiloj?

JOZ. Ne, mi ja alvenis hodiaŭ...

EMIL. Tial mi ne kredis! Unu el miaj amikinoj, Franciskino Kontreras, disputis pri tio, ke vi alvenis hieraŭ, ke ŝi vidis en promenejo Marion kun ŝia edzo... kaj mi diris, ke ne, ke ĝi ne estus ŝia edzo, sed ŝia bofrato, kaj ŝi ree jesis...

EMAN. (*Kolerege*). Kaj vi neis... Nu, vi estis prava... Tio estis Mario kaj mi... Vi jam scias ĝin... (*Flanken*). Kia virino! Jozef-Ludoviko estas palega. Multe li faros, se li ne ellasos al ŝi ian subitan nepensitaĵon.

## SCENO XI

LA SAMAJ *kaj* MARIO *vestita por la teatro*

EMIL. Kiel bela! Kiel eleganta! Belega vesto!... La donacoj de via frato. Tia vi plaĉas al mi... Mirinda ĉirkaŭkolo! (*Prenante ŝin je unu mano kaj prezentante ŝin al Jozef-Ludoviko*). Rigardu. Kiom da viroj envios vin tiun ĉi vesperon... kaj vi tie ĉi, tiel trankvile!

JOZ. (*Sarkasme*). Tiel trankvile!

MAR. (Lia mieno min timigas. Mi komprenas, kio okazas ĉe li). Ĉu vi bone fartas? Ĉu ne malplaĉas al vi, ke mi vin lasas?

JOZ. Ne... Kial?—Amuzu vin multe.

MAR. (*Malĝoje*). Multe! Jes! Vi ja scias, kiel mi amuziĝas vidante vin tiel!

EMAN. (*Flanken, metante sian surtuton*). Kompatinda Mario! Ŝi estas kvazaŭ tuj ploronta. (*Laŭte*). Ni revenos frue. Ni eliros, antaŭ ol la prezentado finiĝos... (*Proponante sian brakon al Emiliino*). Emiliino... (*Al Jozef-Ludoviko*). Ĝis poste...

EMIL. (*Al Jozef-Ludoviko*). Via farto pliboniĝu... (*Al Emanuelo, akceptante lian brakon*). Vi ne ŝajnas fratoj!

MAR. Jozef-Ludoviko, diru al mi, kial vi estas tiel... Se ne mi restos... (*Decide*). Mi restas!

JOZ. (*Seke*) Rimarku, ke Emiliino atendas!

MAR. (*Malĝoja*). Kiel malbone vi traktas min!

JOZ. (*Kaptante kolere ŝian manon*). Mi? Ĉu mi traktas vin malbone?...

MAR. (*Timigita*). Ve! (*Aŭdinte la krion Emanuelo*

*kaj Emiliino revenas el la pordo; Emanuelo alproksimiĝas al Jozef-Ludoviko).*

EMAN. *(Aŭtoritate).* Sed, Jozef-Ludoviko .. Jozef-Ludoviko!

EMIL. Ĉu vi fartas pli malbone?

JOZ. *(Al Mario).* Iru, iru... Mi ja diras, ke mi estas sana, ke mi ne vin bezonas...

EMIL. *(Elirante. Flanken).* Ve, ve! Ŝajnas al mi, ke Franciskino estis prava! *(Ĉiuj eliras escepte Jozef-Ludoviko).*

## SCENO XII

JOZEF-LUDOVIKO *kaj poste* JULJANO

JOZ. Kiel malbone vi min traktas! Kiel malbone vi min traktas! Neniam mi pensis aŭdi ĉi tion!... Kaj lasi min tiel!... Kvieton, kvieton! Mi bezonas ordigi tiun ĉi tumulton de miaj pensoj... ili sin forpuŝas, unuj mallumiĝas en aliajn kaj mi volas ilin senti unu je unu, klaregajn, palpeblajn. Kio okazas ĉe mi?... Mi volas ĝin vidi!... Jes, mi vidas ĝin!.., Mia patrino! Jes, jes, ŝi estas!... Ŝi estis bona, ŝi estis honesta, kiel Mario, ŝi neniam ribelis kontraŭ la severa aŭtoritateco de mia patro, vivis feliĉa en la plej senmakula virto... Sed unu tagon alvenis la vojaĝanto, la amiko al kiu oni malfermas la pordon, kiel al frato... li alvenis ridema, loganta per la imagado kaj per la sentoj... kaj vivado de honesteco, de virtoj, ne povis malcedi al la altira ĉarmo de tiu viro. Mi estis tre infana, kaj mi rememoras, rememoras... kaj la rememoro fortiki-

gas en mi la malamon, kiun mi sentis al la uzurpulo... Ne, li ne estas mia frato! Li estas kiel tiu uzurpulo, kiu venas min rabi... Ha, ne!... Mi freneziĝas! Mario estas honesta!... Ŝi estos ĉiam!... Sed, kial ŝi foriris? Ŝi foriris kun li... Ne, ne elglitiĝu penso, mi volas aŭdi kion vi diras, vidi kion vi imagas!... Ke Mario ne min amas! Ĉu tio estas? Ke ŝi ne povas min ami... Jen la vero de tio, kion mi pensas... Terura vero!... Ŝia amo ne estas amo. Estis pli da respekto, ol da amo en ŝia inklino al mi. Severe edukita de sia patro, ŝi translokis al sia edzo la filan respekton, submetiĝe, rezignacie. Konfidante al mia aŭtoritateco, mi kredis iom post iom formadi por mi ŝian spiriton, samtempe kiam la naturo formadis la virinon... Mia mi povis nomi la korpan belecon, sed la ribela spirito neniam estis mia! Ĝia celo trovis formon kaj al ĝi iras la spirito, kaj post si trenos la tutan vivon... Korpon kaj animon!... Se tio jam ne okazis en mia foresto!... Emiliino parolis intence... Tie ĉi ĉiuvespere, ĉiam kune... Ve, la sola logo de mia vivo! Nun ĉio nigreco kaj malĝojo! Kial travivi vivon tiel mizeran? (*Rigardas sin en la spegulo*). Maljuniĝanta, malsana... Kiel ŝi povas min ami?... Ŝi, juna kaj bela!... Kiel bela ŝi estis!... Kaj mi ŝin lasis kun li... turmentinte ŝin per mia perforto, kiam eble ŝi sentis al mi malamon... malamon kaj malŝaton!.. Kaj li, je ŝia flanko, belsintena, deloganta... Ho, ĝi ne povas esti! Mario estas honesta! Mi ne povas esti tiel malfeliĉa!... Kulpa nur estas la malestiminda, jes, la malestiminda rabisto, kiel tiu... kiel lia patro!.. Mi ne povas

plu!... Mí sufokiĝas! Juljano. (*Sonorigas. Juljano eniras*).

JUL. Kion ordonas la mastro?

JOZ. Portu al mi la surtuton, la ĉapelon... rapide... (*Juljauo eliras*). (*La deka batas*). La deka! La deka... Kiel frue ankoraŭ!... Mi iros al la teatro, estas tempo... Mi estas febra... Mi iros tiel, kiel mi estas... Mi iros... Iru por veturilo... Ne... atendu... Mi piediros. (*Juljano eniras*). Estas utile al mi piediradi... Vidi min ŝajnos al ili strange... ili ne min atendas... Kion diri?... Bah! Mi diros... diros... Mi pensos ĝin sur la vojo, tio ĉi min distros... Mi anoncigos min, kiel por vizito, mi ŝercos kun ili... Mi deziras paroladi, multe paroladi... tiun ĉi vesperon mi ne lasas Emanuelon paroli... Mi amuzos ilin, mi igos ilin ridi... ridi, jes... ridi! Kia trafpenso! Ho ne! Mi ne faros ridiga teatraĵo por la aliaj tion, kio estas en mia koro terura tragedio... Mi atendos... Sed tiun ĉi nokton... tiun ĉi eternan nokton mi ne povas... Mi sufokiĝas! Mi bezonas piediradi, iradi multe, ĝis tio: fali plenlaca, disrompi miajn nervojn, se ne tiu ĉi nokto estus por ĉiuj pereiga... Mi estas freneza, mi ne respondas pri mi... La surtuton... (*Palpante ĝin interne*). Kio ĝi estas? Armilo!

JUL. La poŝa resolvero de via moŝto.

JOZ. Ho! ne, ne... Formetu ĝin, formetu... Gardu ĝin. (*Eliras*).

JUL. (*Kun miro*) Sed, kio okazas tiun ĉi vesperon al mia mastro?

FINO DE LA DUA AKTO

# AKTO TRIA

*La sama dekoracio de la antaŭa akto*

## SCENO UNUA

EMANUELO *legante kaj poste* MARIO

MAR. (*Enirante*). Cu vi estas sola? Kaj Jozef-Ludoviko?

EMAN. Li eliris.

MAR. Alian fojon?... Estas strange! Li, kiu antaŭe nur eliris en necesega okazo, jam de kelkaj tagoj ne ĉesas eniri kaj eliri... Mi estas kun timo... Jozef-Ludoviko ne bonfartas.

EMAN. Ne, li ne bonfartas.

MAR. Belan tempodaŭron vi estas pasiganta!... Se vi deziris trankvilecon!

EMAN. Ne, tio ne. Se vi, do, scius ke mi bezonas absorbiĝi en mi mem por ekkompreni ke mi estas la sama... la malkvieta kaj vagema Emanuelo por kiu senagiteco kaj ripozo estis sinonimoj de enkarceriĝo aŭ de morto... Mi komplezita kun tiu ĉi vivo, kiun, por tiel diri, oni donas al mi faritan, kaj sen priokupado pri alia afero, ol daŭrigi vivante?... Mi, kiu ĉiutage devis pensi

kaj okupi min... pri ĉio el kio konsistas la ĉiutaga ekzistado, pri ĉio ĉu granda, ĉu malgranda!... Planfari negocon kaj ordoni la tagmanĝon, la borsajn likvidaĵojn kaj la kalkulon de la lavistino... Mi povis fidi al neniu. Maturaĝa fraŭlo estas kiel senmastra nekulturejo, pri kiu ĉiuj kredas sin kun rajto rikoltadi; kaj se krom ne edziĝi, nek havi idaron, oni ne lasas sin ekspluati de ĉiuj, bonan famon oni ricevas, kiel nekortuŝebla egoisto! Nur ni, kiuj ne havas idojn, povas taksi kiel multe valoras kontraŭ petemuloj la solena protesto de familiestro: «Mia amiko, mi havas idojn...» Per tio, kion kostis al mi ne ilin havi, mi povus esti subtenínta du dekduojn.

MAR. Kial vi ne edziĝas? Vi ne scias, kiom mi ĝojus vidante vin edzigitan. Mi diras ĝin kiel mi sentas... Kaj ankaŭ Jozef Ludoviko tre ĝojus... Diru al mi... Ĉu vi neniam trovis en la mondo ian virinon, kiu milde vin kortuŝante, igis vin pensi... kun tiu ĉi virino mi vivus feliĉa!... En viaj vojaĝoj kaj senĉesaj ekskursoj vi neniam trafis plaĉan lokon, kie ŝajnas, ke nur ĝin rigardante la koro kvietiĝas pri siaj deziregoj?... Nu, kunigu en via penso tiun virinon kaj tiun ĉi lokon; kaj atente pripensu, kiel feliĉa vi estus pretigante kun ŝi vian amneston en tiu plaĉa anguleto ..

EMAN. Mi veturis preskaŭ ĉiam en ekspresa vagonaro kaj senhalte preterpasis... la lokojn kaj la virinojn!...

MAR. Se mi konus iun! Mi devas serĉi... Ĉu vi donas al mi permeson?

EMAN. Tiujn ĉi aferojn oni ne serĉas, sed oni trovas!

**Indostan'o.**—Grupoj formiĝis en Tiruvalla'o, Quilon'o kaj Trivandumo el la Travankore'a Provinco.

**Italujo.**—Gazeto «Roma Esperantisto» malaperis pro multaj okupoj de ĝia direktoro Lia Moŝto S-ro Kanoniko Giambene, sed tiu ĉi esperantistemulo ne povas nin forlasi, kaj li akceptis aparteni al la «Lingva Komitato».

**Kanado.**—En Saskatchewan sinjoro Noddings faras esperantajn kursojn kaj en tuta tiu lando esperanto progresas.

**Madejra.**—La anoj de «Seminaria Esperantista Klubo» de Funĉal'o, kie oni instruas Esperanton, klopodas por ĝia diskonigo en tiu insulo.

**Meksikujo.**—La gazeto «El Heraldo» el Matehuala'o enpresas bonajn artikolojn pri esperanto, kaj la plimulto el la gazetoj rilatas ĝin simpatie.

En Guadalaĥara'o, oni faras esperantan ekspozicion de verkoj, ĵurnaloj, k. t. p.

La ricevotaĵoj estos destinataj al esperanta Biblioteko, jam fondita, kaj oni eldonos senpage katalogojn pri ili.

«Esperanta Gazeto» Morelos, 472, Guadalajara, petas helpon de verkistoj, eldonistoj kaj de ceteraj samideanoj.

La juna meksika literaturisto sinjoro Amado Nervo, petis al tiea Ministro de Publika Instruado kaj Belaj Artoj, pri starigo de lingvo internacia kaj, ke tiu estu la hispana.

Ni aplaŭdas la unuan peton, sed ne la duan, kvankam deknaŭ nacioj parolas hispane. Ni ne volas tian honoron por ni hispanaj, nek por neniu nacio; lingvo neŭtrala estas por ni esperantistoj kaj estos por la tuta homaro, esperanto.

**Natalo.**—Grandan propagandon oni faras en Durban'o por diskonigi nian lingvon.

**Norvegujo.** — «Norvega Esperanta Gazeto», nova organo de la esperantistaj el tiu lando, direktata de S-ro Thompsen, esperigas al ni tie grandan esperantan progreson.

Nia fervora samideano Nils Okland

**Indostán.**—Se han formado grupos en Tiruvalla, Quilon y Trivandumo de la provincia de Travankore.

**Italia.**—La revista «Roma Esperantisto», ha desaparecido por las muchas ocupaciones de su director el ilustre Sr. Canónigo Giambene, pero este amante del esperanto no puede abandonarnos y ha aceptado el pertenecer al «Comité de la Lengua».

**Canadá.**—En Saskatchewan, el señor Noddings da cursos de esperanto y en todo aquel país el esperanto progresa.

**Madera.**—Los miembros del «Club Esperantista del Seminario» de Funchal, donde se enseña el esperanto, procuran su divulgación en aquella isla.

**Méjico.**—La revista «El Heraldo» de Matehuala, inserta buenos artículos respecto al esperanto y la mayoría de los periódicos se refieren á él con simpatía.

En Guadalajara, se hace una exposición esperantista de obras, diarios, etc.

Lo que se percibirá será destinado á una Biblioteca de esperanto, ya fundada, y se editará un catálogo gratuito respecto á ellas.

«Esperanta Gazeto», Morelos, 472, Guadalajara, pide ayuda á los autores, editores y demás *samideanos*.

El joven literato mejicano Sr. Amado Nervo, ha pedido al Ministro de Instrucción Pública y Bellas Artes de allí, la institución de una lengua internacional y que esa sea la española.

Aplaudimos la primera petición, pero no la segunda, aun cuando diez y nueve naciones hablan el español. Nosotros no queremos tal honor para nosotros los españoles, ni para ninguna nación; la lengua neutral es, para nosotros los esperantistas, y será para toda la humanidad, el esperanto.

**Natal.**—Se hace gran propaganda en Durban para difundir nuestro idioma.

**Noruega.**—«Norvega Esperanta Gazeto», nuevo órgano de los esperantistas de aquel país, dirigida por el Sr. Thompsen, nos hace esperar un gran progreso allí.

Nuestro fervoroso *samideano* Nils Ok-

varbis por Esperanto la apostolon de la Pacifismo S-ron T. Sandstel Stavanger.

**Nova Zelando.**—La esperantistoj de Inverkargil'o tre sin okupas pri la divastigado de esperanto, kaj Registara Turista fako ĝin akceptis por korespondado kun eksterlando.

**Polujo.**—En Centshova ĉe la «Industria Terkultura Ekspozicio» estas esperanta fako.

En Varsovi'o, Lodz'o, Gosnovice'o, Czestokova'o, Uloclavek'o, Lovicz'o, Siedice'o, Kielce'o, Faroslaw'o kaj Viln'o, oni faris kursojn, kunvenoj, paroladojn kaj aliajn agojn, kiuj montras tiean esperantan vivon.

En Czestochowa'o oni aranĝas kongreson, esperantistan por la proksima somero kiu daŭros tri monatojn. La Direkta Komitato komprenante, ke ne ĉiuj siaj eksterlandaj samideanoj povos, pro malproksimo, partopreni en sia Kongreso, deziras ke oni alsendu al ĝi ilustritajn postkartojn kun saluto. La plej belaj estos enmetataj en luksan albumon, kiu post la ekspozicio estos lotita inter la sendontoj.

La gazetaro helpas nian aferon en tiu lando.

**Portugalujo.**—Ŝatinda «Portugala Revuo» aperis. Ni deziras al ĝi longegan vivon kaj plenumon de ĝia celo.

La esperantista movado pligrandiĝas en Oporto, Lisabono, Evora'o, Portelo kaj Arkos'o.

**Rumanujo.**—En 1889ª aperis vortareto de f-ino Manetta Frollo. Dum 1903ª estis nur du aŭ tri esperantistoj. En 1907ª komencis en Bukarest'o la vera movado. Dum 1908ª, la movado kreskiĝis; estis fondita en Bucharest'o la Societo Esperanto, kaj aperis la gazetoj «Rumana Gazeto Esperantista» kaj «Gazeto Esperanta».

Post la eldono de lernolibro de D-ro Kimel, pligrandiĝis la afero, kaj certe faras bonegan propagandon tio, ke en la proksima Oktobra monato okazos loka esperanta Kongreso en Foksani'o, motive festoj pro la datreveno de l'unuigo de la

land ha reclutado para el esperanto al apóstol del Pacifismo Sr. T. Sandstel Stavanger.

**Nueva Zelanda.**—Los esperantistas de Inverkargil, se ocupan mucho de la propaganda de esperanto, y la sección de Gobierno del Turismo lo ha aceptado para correspondencia con el extranjero.

**Polonia**.—En Centshova, en la «Exposición Industrial de Agricultura», hay una sección de esperanto.

En Varsovia, Lodz, Gosnovice, Czestokova, Uloclavek, Lovicz, Siedice, Kielce, Faroslavo y Viln, se han hecho cursos, reuniones, discursos y otros actos, que demuestran la vida esperantista de allí.

En Czestochowa se organiza un congreso esperantista para el próximo verano que durará tres meses. El Comité Ejecutivo, comprendiendo que no todos sus *samideanos* extranjeros podrán por la falta de proximidad tomar parte en su Congreso, desea que se le envíen postales con saludo. Las más bonitas serán colocadas en un lujoso album, que después de la exposición será sorteado entre los remitentes.

La prensa ayuda nuestra causa en aquel país.

**Portugal.**—Agradable «Revista Portuguesa» ha aparecido. Nosotros le deseamos larguísima vida y que logre su propósito.

El movimiento esperantista aumenta en Oporto, Lisboa, Evora, Portelo y Arcos.

**Rumanía.**—En 1889 apareció el pequeño diccionario de la Srta. Manetta Frollo. Durante 1903 había solo dos ó tres esperantistas. En 1907 empezó en Bucarest el verdadero movimiento. En 1908, creció; se fundó en Bucarest la Sociedad Esperanto y aparecieron los periódicos «Rumana Gazeto Esperantista» y «Gazeto Esperanta».

Después de la edición del Manual del Doctor Kimel, aumentó el asunto y seguramente hizo gran propaganda el que el próximo mes de Octubre tendrá lugar un Congreso local esperantista en Foksani, con motivo de las fiestas por el ani-

du rumanaj princolandoj Moldavia'o kaj Muntenio, kiu okazis la 6an de Februaro de 1859a pro elekto de Princo Aleksandro Joan I, Cuza, por reganto de ambaŭ landoj.

S-ro Kapitano Aleksandro Vivoschi kaj lia edzino Mario, el la urbo Iassy'o nomis sian ĵusnaskitan filinon, Mario—Esperanto. Niajn korajn salutojn al la tri.

Dimanĉo, la 16an de lasta Majo la virina grupo de Marasesti'o baptigis infaneton al kiu oni donis la nomon «Esperanto». La tolaĵo, kovrilo, k. t. p. estis faritaj de la aninoj de la grupo, kaj verda stelo kaj litero E, troviĝas broditaj sur ĉiu objekto.

En Bukarest'o oni instruas esperanton en la militaj lernejoj de Artilerio kaj inĝenierarto, en la privata Angla-Germana instituto por knabinoj kaj en la Luma Hejmo, Reĝina Elizabeto, blindulejo.

En Ploesti'o ankaŭ oni same faras en la Izraelida Knabina Lernejo.

**Rusujo.**—Nia kunbatalanto «Ruslanda Esperantisto» reaperis. Nian bonvenon!

Tie, oni fondis societon, kies titolo estas «Tutrusa Esperanta Kuracisto», kun celo disvastigadi internacian helpan lingvon Esperanto inter kuracistoj, kaj ĝin uzi skribe, prese kaj buŝe, en internaciaj interrilatoj kun alilandaj kuracistoj.

Nova grupo fondiĝis en Kostroma'o.

**Svedujo.**—La 18a Kongreso por la paco okazos en Stokolmo dum la unua semajno de proksima Septembro.

Ni rememoras al la kongresanoj esperanton, la plej bonan interkomprenilon.

**Svisujo.**—Moviĝas la Neufchatel'a, Le Locle'a, Chateaux'a d' Œux, Basel'a kaj Zurich'a grupoj kaj nova fariĝas en Laŭssane'o.

La Universala Unuigo de lernantoj estis fondita en Lucerna'o kaj adoptis esperanton, kiel helpan interkomprenilan lingvon.

**Usono.**—Alvenis al ni la tria numero de «La Simbolo», internacia gazeto kiun

versario de la unión de los dos principados rumanos Moldavia y Muntenio que se verificó el 6 de Febrero de 1889 por elección del Príncipe Alejandro Juan I, Cuza, para regir ambos países.

El Sr. Capitán Alejandro Vivoschi y su esposa María, de la ciudad de Iassy, han puesto por nombre á su recién nacida hija, María Esperanto. Nuestros cariñosos saludos á los tres.

El domingo 16 del último Mayo, el grupo femenino de Marasesti hizo bautizar un niñito al cual se dió el nombre de «Esperanto». La ropa blanca, envoltura, etcétera, fueron confeccionadas por las socias del grupo, y la estrella verde y la letra E están bordadas en cada objeto.

En Bucarest se enseña esperanto en las escuelas militares de artillería é ingeniería, en el Instituto privado inglés-alemán para señoritas, y en la Casa de Luz, Reina Isabel, asilo de ciegos.

En Ploesti también se hace lo mismo en la Escuela Israelita de señoritas.

**Rusia.**—Nuestro compañero de lucha «Ruslanda Esperantisto» ha reaparecido. ¡Nuestra bienvenida!

Allí se ha fundado una sociedad, cuyo título es «Tutrusa Esperanta Kuracisto», con el fin de difundir la lengua internacional esperanto entre los médicos y usarla por escrito en la imprenta y de palabra en las relaciones internacionales con médicos de otros países.

En Kostroma se ha fundado un nuevo grupo.

**Suecia.**—El 18 Congreso para la paz tendrá lugar en Stokolmo durante la primera semana de Septiembre.

Recordamos á los congresistas el esperanto, el mejor medio de entenderse recíprocamente.

**Suiza.**—Se mueven los grupos de Neufchatel, Le Locle, Chateaux d'Œux, Basel y Zurich, y uno nuevo hay en Laussane.

La Unión Universal de estudiantes se ha fundado en Lucerna y ha adoptado el esperanto como lengua auxiliar para comprenderse mutuamente.

**Estados Unidos de América.**—Nos ha llegado el 3.er número de la «La Símbo-

oni publikigas en Tacoma'o (Washington). Ĝi enhavas bonajn esperantajn literaturaĵojn kaj ni kredas kaj deziras, ke ĝi sukcesos.

La tiea Ministro de Hinujo Wu-Ting-Fang, komencis fervore la lernadon de esperanto.

De la 9ª ĝis la 14ª de Aŭgusto dua esperantista Kongreso fariĝos kun ekskursoj a la akvofaloj de la Niagara rivero.

**Venezuelo.**—Nova grupo ekzistas jam en Altagracio de Drituko.

**Hispanujo.**—La Burgos'aj ĵurnaloj rilatas pri la transloko al tiu urbo de Hispana Societo.

Ni jam diris pri tio, kaj publikigis la nomojn de la novnomitaj regantoj de nia societo, el kiuj pro ilia konita amo al nia afero, ni multe atendas.

Ili kuniĝis en tiea «Universala Hotelo», kie frate manĝis.

Milita komisario S-ro Sanz Cruzado, prezidanto de la tiea grupo, kiu estis en Vitoria'o, adresis al S-ro Esteban prezidanto de «Hispana Societo» la jenan telegramon:

«Akceptu korsaluton kaj deziron de homarkunigo, per paco kaj esperanta lingvo».

Oni lin respondis:

«Komitatanoj kunigitaj, tre dankas vian afablan korsaluton. Antaŭen».

Niaj fratajn salutojn.

Ĵus fondiĝis en Madrido virina esperantista grupo, kies direkta komitato estas: Prez-ino, f-ino Ludovikino Ayza; Vicprez-ino, f-ino Anĝelino Alcayde; Sek-ino s-ino Elizo Gomez de Perogordo; Voĉdonantinoj, f-inoj Regino Alcayde, Mario Terezo Alcaide kaj Josefino Ayza. Loĝejo, st Madera Baja, 5, 7.

S-roj Robles y Calderon esperantistaj lernantoj publikigis en «El Porvenir» el Cartagena'o artikolon kuraĝigante liajn genajbarojn por ke ili lernu nian amatan lingvon.

«La Tierra» el la sama urbo, rilatas pri ekzamenoj okazintaj en tieaj «Gradi-

lo», revista internacional que se publica en Tacoma (Washington). Contiene buenos trozos de literatura esperanta y creemos y deseamos su éxito.

El Ministro de China, allí, Wu-Ting-Fang, ha comenzado con fervor el estudio del esperanto.

Del 9 al 14 de Agosto, se hará un segundo congreso con excursiones á las cataratas del río Niágara.

**Venezuela.**—Un nuevo grupo existe ya en Altagracia de Drituco.

**España.**—Los diarios de Burgos se refieren al traslado de Hispana Societo á aquella ciudad.

Nosotros ya nos hemos referido á eso y publicamos los nombres de los nuevamente nombrados para regir nuestra Sociedad, de los cuales, por su conocido afecto á nuestro asunto, esperamos mucho.

Se reunieron en el «Hotel Universal» de allí, donde comieron fraternalmente.

El comisario de guerra Sr. Sanz Cruzado, presidente de aquel grupo, que estaba en Vitoria, dirigió al Sr. Esteban, presidente de «Hispana Societo» el siguiente telegrama:

«Aceptad un cariñoso saludo y el deseo de unión de la humanidad por la paz y el idioma esperanto.»

Se le contestó:

«Los individuos del Comité reunidos, agradecen mucho su afable cariñoso saludo. ¡Adelante!»

Nuestros saludos fraternales.

Acaba de fundarse en Madrid un grupo esperantista de señoras, cuya Junta directiva es: Presidenta, la Srta. Luisa Ayza; Vicepresidenta, la Srta. Angela Alcayde; Secretaria, la Sra. Elisa Gómez de Perogordo; Vocales: las Srtas. Regina Alcayde, María Teresa Alcaide y Josefina Ayza. Domicilio, calle de Madera Baja, 5, 7.

Los Sres. Robles y Calderón, estudiantes de esperanto, publican en «El Porvenir» de Cartagena un artículo animando á sus vecinos á que estudien nuestra querida lengua.

«La Tierra», de la misma ciudad, se refiere á exámenes habidos en las «Es-

gitaj Lernejoj» per kies ago oni montris, ke ni havas kelkajn pli da bonaj esperantistoj.

Okaze de tio, la Cartagena'a standardisto S-ro Alfredo Saralegui faris bonan propagandan paroladon.

Ankaŭ bone paroladis S-ro Georgo Ciklari, nia rusa amiko kiu tiam estis tie.

En Barcelona'o oni malfermis kurson en la «Ateneo Obrero» de la dua kvartalo, kies profesoro estas S-ro Bordas.

S-ro Dalman sekretario de la Berlitz'aj lernejoj ekkomencis alian.

Aliaj privataj ankaŭ tie estas, ĉar la tieaj esperantistoj celas, ke dum la V^a^ Kongreso oni aŭdu multe esperante paroli ĉe la Barcelonaj stratoj.

Baldaŭ eliros propagandaj folioj Katalune skribitaj. Kiuj volos ilin akiri sin turnu al S-ro Sekretario de la V^a^ Kongreso.

Tiu hejma propagandmaniero estas imitinda de valencianoj, vaskanoj, majorkanoj galicanoj k. t. p. kiuj havas patrinan lingvon krom la oficialan hispanan.

«Tutmonda Espero» (Kataluna esperantisto) publikigas la portreton de la fama hispano Anĝelo Guimerá, aŭtoro de notindaj dramoj kaj aliaj verkoj skribitaj per Kataluna lingvo. Ni kunigas nin al la festoj faritaj en Barcelono por lin glori.

Novaj grupoj fondiĝis en Horta, Vilasaro kaj Arbos'o (Barcelona'o) kaj en Arbeka'o (Tarragona'o).

Ankaŭ fondiĝis grupo en Deŭsto (Vizkaja'o) kies prezidanto estas la agema S-ro A. Dominguez.

Sesdek hispanaj ĵurnaloj, pli malpli, laste publikigis artikolojn favore nia afero.

S-ro Belenguer el Teruel'o, esperanta profesoro, sciigas al ni, ke ĉe kurso, kiun li klarigas en tiea Ĝenerala Teknika Instituto, estas bonegaj gelernantoj, speciale instruitinoj fraŭlinoj Gregoria Perez kaj Rozario Fernandez, kaj dekunujaraj infanoj Arturo Belenguer kaj Santiago Martinez, blindulo.

cuelas Graduadas», con cuyo hecho se demostró que tenemos algunos buenos esperantistas más.

Con motivo de esto, el abanderado de Cartagena Sr. Alfredo Saralegui hizo un buen discurso de propaganda.

También habló bien el Sr. Jorge Ciclari, nuestro ruso amigo, que entonces estaba allí.

En Barcelona se ha abierto un curso en el «Ateneo Obrero» del Barrio segundo, cuyo profesor es el Sr. Bordas.

El Sr. Dalmau, Secretario de las escuelas Berlitz, ha empezado otro.

Otros, privados, se hacen allí también porque aquellos esperantistas se proponen que durante el 5.° Congreso se oiga hablar mucho en esperanto, por las calles de Barcelona.

Pronto aparecerán unas hojas de propaganda escritas en catalán. Los que quieran adquirirlas diríjanse al Sr. Secretario del 5.° Congreso.

Esa propaganda casera es digna de ser imitada por los valencianos, vascos, mallorquines, gallegos, etc., que tienen una lengua maternal, además de la oficial española.

«Tutmonda Espero» (Cataluña esperantista), publica el retrato del famoso español Angel Guimerá, autor de notables dramas y otras obras, escritas en lengua catalana. Nos unimos á las fiestas celebradas en Barcelona para glorificarle.

Nuevos grupos se han fundado en Horta, Vilasar y Arbós (Barcelona), y en Arbeca (Tarragona).

También se ha fundado un grupo en Deusto (Vizcaya), cuyo presidente es el activo Sr. A. Domínguez.

Sesenta periódicos españoles, poco más ó menos, han publicado últimamente artículos favorables á nuestro asunto.

El Sr. Belenguer, de Teruel, nos entera de que en un curso que él explica allí en el Instituto General Técnico, hay magníficos estudiantes de ambos sexos, especialmente las institutrices Gregoria Pérez y Rosario Fernández, y los niños de once años Arturo Belenguer y Santiago Martínez, ciego.

# GRAVA AVIZO

Ofte oni ricevas en tiu ĉi redakcio anoncojn aŭ skribaĵojn troe vastajn rilate al aferoj, kiuj ne havas ĝeneralan intereson. Ni ne povas enpresi tiajn dokumentojn kaj ni konsilas la sendontojn sendi al ni 500 ekzemplerojn kaj ni plezure ilin enmetos en niajn disdonotajn gazetojn.

---

# Spritludoj kaj Diversajoj

**Sub la redakcio de Novejarque (Anĝelo)**

## KRIPTOGRAFIO




Dividu la ĉi supran figuraĵon laŭ *du* ekzakte egalformaj pecoj, tiamaniere ke la literoj, kiuj entenas ĉiu el la du pecoj esprimu PROVERBON, t. e. *unu* proverbon en ĉiu peco *(du* proverbojn).

---

## HIEROGLIFO

G TA

*Rimarkoj.*—La *solvojn* de tiuj ĉi *Spritludoj* ni presos en nia venonta numero.

Ni publikigos la *nomojn de la solvintoj*, (kiuj ĝustatempe sendos sian solvon), en nia postvenonta numero.

La solvoj devas esti sendataj poŝtkarte.

---

Solvoj.—De la *Aritmetika Spritludo:*

| | | | | |
|---|---|---|---|---|
| D E | **K** | | = | 10 |
| K | **V** | I N | = | 5 |
| N | **A** | Ŭ | = | 9 |
| T | **R** | I | = | 3 |
| | **D** | U | = | 2 |
| S | **E** | P | = | 7 |
| | **K** | V A R | = | 4 |
| | | | | 40 |

(Sumon esprimanta la vertikala línio, de supre malsupren).

---

De la *Hieroglifo:* (Mil - i - o - nulo) (M) (I)(O) (O) MILIONULO.

# Memorindaj datrevenoj de Junio

1.—1800. Doktoro Jenner unuafoje eksperimentas la variolan inokulaĵon.

2.—1881. Mortas la fama scienculo Emilio Littré, aŭtoro de la grava *Leksikono de la Franca lingvo.*

3.—1863. Terurega tertremo en Manilo (Filipinaj Insuloj).

4.—1894. Dinamita eksplodo kaŭzas 200 mortigojn en Parksburgo (Virginio).

5.—1816. Mortas en Napolo (Italujo) la mondfama komponisto Johano Paisiello.

6.—1606. Naskiĝas en Rouen (Francujo) la fama tragedia poeto Petro Corneille.

7.—1640. Grava ribelo en Barcelono.

8.—1781. Brulaĵo de la Opera Teatro de Parizo.

9.—1870. Mortas la fama angla novelisto Karolo Dickens.

10.—1579. Mortas la mondfama portugala poeto Camoens.

11.—1294. Mortas la glora angla scienculo Rogerio Bacon alnomata la *Admirinda Doktoro.*

12.—1872. Inaŭguracio de la unua fervojo en Japanujo.

13.—1895. Mortas en Burgos (Hispanujo) la estro de la hispanaj respublikanoj Manuelo Ruiz Zorrilla.

14.—1837. Mortas la glora itala poeto Leopardi.

15.—1894. Estas proklamata sultano Muley Abdul Azis.

16.—1894. Atenco kontraŭ Crispi en Romo.

17.—1678. Tertremo en Lima (Peruo).

18.—1902. Tertremo en Kartageno (Hispanujo).

19.—1867. Estas mortpafata en Querétaro la meksika Imperiestro Maximiliano.

20.—1520. La Papo Leono X-a ekskomunikas Martin Lutero'n.
21.—1828. Mortas en Parizo la eminenta literaturisto hispana Leandro Fernandez Moratin, aŭtoro de *La Jeso de Knabinoj.*
22.—1527. Mortas la mondfama Maquiavelo.
23.—1884. Francujo postulas de Ĥinujo 250 milionojn por leĝrompo de la Traktaĵo de Tien-Tsin.
24.—1894. La anarĥiisto Caserio mortigas en Lyon la prezidanton de la Franca Respubliko Sadi Carnot.
25.—1822. Mortas la fama novelisto, desegnisto kaj muzikisto svisa Hoffmam, aŭtoro de la ĉiekonataj *Fantaziaj Rakontoj.*
26.—1771. Naskiĝas la fama novelisto kaj poeto Skota Walter Sccott.
27.—1901. Internacia konkurso de Aŭtomobiloj de Parizo al Berlino.
28—1712. Naskiĝas en Ĝenevo (Svisujo) la mondfama verkisto filozofo, komponisto, poeto kaj botanikisto Johano Jakobo Rousseau.
29.—1855. Mortas Delfine de Girardin alnomata *La deka Muzo.*
30.—1882. Estas pendigata en Washington, Guiteau, mortiganto de Garfield, XX-a prezidanto de Usono.

Kolektis kaj tradukis.
ESP-ISTO 17.206.

---

# ANONCOJ



Tipografia Moderna, á cargo de Miguel Gimeno, Avellanas, 11—Valencia.